

# Boletín

Nº 369 januaro / februaro 2005



## Nia Prezidanto en la Sociedad Cervantina

Asociación de utilidad pública

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7; ES-28015 Madrid; Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79 Konto ĉe BBVA : 0182-1252-31-0204011961 admin@esperanto-es.net www.esperanto-es.net**



## Enhavo




Esperanto atendas vin en la stando numero 50

# Donkiĥoto en Expolingua

"(...) li alparolis min en la lingvo (...) nek kastilia, nek maŭra, nek apartenanta al ajna nacio, sed mikso de ĉiuj lingvoj kaj per ĝi oni interkompreniĝas (...)"

(CERVANTES, Miguel de. "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha" Unua parto. Capitro XLI.)

Jen kiel Cervantes pritraktas lingvajn aferojn kaj kavazaŭ antaŭvidas la nuntempa nocion de internacia komunikilo... sed, ĉu vere tielas?

Ja esperanto tute ne estas "mikso de ĉiuj lingvoj" (ĝi posedas propran gramatikan strukturon kaj memstaran karakteron) sed ĝi perfekte kontribuas al ĉies interkomprenigo ne apartenante al ajna nacio.

Ĉi-tekste temas nur pri iaspeca piĝino, kies origino troviĝas en la neceso komunikiĝi inter popoloj diverslingvaj, kiam ili ne disponas komunan komunikilon. Aliflanke, ne nur ĉiokaze Cervantes mencias en sia verko lingvojn kaj lingvoproblemojn (dum lia malfacila risko-plena juneco li havis plurajn ŝancojn sperti ilin — eble iam li revis pri la ekzisto de io simila al esperanto!)

Nu, ĉu do io pli taŭga ol Expolingua, ĉar pri lingvoj temas?

Ĉijare HEF (jam la sepan fojon) partoprenos la foiron kun la celo, krom informi ĝenerale pri esperanto kiel kutime, priomaĝi Cervantes en la kvara centjariĝo de la una eldono de lia plej universala verko: ""La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha".

HEF prezentos tie la esperantan tradukon faritan de Fernando de Diego kaj la ceterajn aktivaĵojn de la Projekto "Kiĥoto-2005".

*Ana Manero*

# Ni kongresu

En loko de La Mancha, kies nomon vi nepre memoru —Alcalá de Henares—, okazos, de la 7a ĝis la 10a de julio de 2005, la 64a Hispana Kongreso de Esperanto.

Dum ĉi jaro oni celebras la kvaran centjariĝon de la unua eldono de "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha". HEF kontribuas al tiu celebrado per sia "Projekto Kiĥoto-2005" (*), kies pinta aktivaĵo estas la okazigo de la Hispana Kongreso en Alcalá, naskiĝurbo de Cervantes, kun la temo "Donkiĥoto parolas esperanton". Tial grava parto de ĝia programo estos dediĉita al tiu verko, ĝia esperanta traduko kaj ties tradukinto.

Sed 2005 jubileas ankaŭ pro aliaj kialoj. Krome oni festas la Internacian Jaron de Fiziko kaj la centjariĝon de la unua internacia esperanto kongreso en Boulogne-sur-Mer. Ankaŭ tiuj eventoj havos lokon en la programo.

Cetere vi havos la ŝancon ĝui aliajn interesajn programerojn: prezentado de la "Kosmologia Suito" de Pedro Vilarroig; stelrigardada astronomia nokto, aranĝita de David Galadí; prezentado de la hispanligva animacio "Donkiĥoto kaj la malkomunikiga sorĉo" de José Rodríguez; traduk-ateliero gvidota de Liven Dek...




Jen la esperanta versio de la logbildo, kiun HEF uzos dum la jaro de Cervantes por omaĝi la grandan verkiston kaj informi pri Esperanto

Alcalá estas belega urbo kun grava historio kaj imponaj monumentoj. Ĝi aparte viglas vespere danke al ĝia universitata studentaro. Gaja etoso do por la junuloj.

Ne hezitu do, venu kiĥoti kun ni en Alcalá!

*Ana Manero*

(*) Vizitu de tempo al tempo la retejon de HEF (www.esperanto-es.net) por informiĝi pri ĝia disvolviĝo.

# Estrarkunsido

La HEF-estraro kunsidis en la sidejo de la Asocio, Madrido, 29an de januaro 2005 ekde la 10a horo ĝis la 13:00. Ĉeestis la estraranoj Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote kaj Manuel Parra. Ekskuzis sian neĉeeston José María Galofré, Miguel Gutiérrez kaj Augusto Casquero.

### Pritraktitaj aferoj:

1.— La sekretario laŭtlegis la protokolon de la antaŭa kunsido (27a de aŭgusto de 2004, trovebla en Boletín-367), kaj oni ĝin aprobis.

2.— Kontoj de 2004 kaj buĝeto por 2005. La kasisto jam finis la librotenadon de la pasinta jaro. Rezultis pluso de 2809,22 eŭroj. Ĉefaj kialoj por tio estas, ke la partopreno en la lasta Expolingua kostis aparte malmulte, kaj ke HEF enspezis sufiĉe per vendado de libroj. Vide al la ellaboro de la novjara buĝeto, ni ekzamenis la diversajn erojn kaj ĝustigis kelkajn ciferojn; noteblas, ekzemple, ke ni ne plu aperigos pagatan reklamon en la madrida telefonlibro. Jen do, surbaze de tio, la kasisto oportune prezentos la koncernan buĝeton.

3.— Projekto "Kiĥoto-2005" kaj Hispana Kongreso. La disvolviĝo de la Projekto evoluas kontentige laŭ la planoj. Tamen la demarŝado ĉe la urbodomo de Alcalá de Henares cele al okazigo en tiu urbo de la ĉi-jara Hispana Kongreso ne glate antaŭeniras. Ni daŭre serĉas alternativojn en la sama regiono.

4.— Ni antaŭvidas mankon de vortaroj por disvendado, ĉar elĉerpiĝis la vortaro "2002" kaj baldaŭ elĉerpiĝos la "Lexicón Sopena". Tiu ĉi eldonejo ŝajne malaperis, kaj ne plu eblas akiri la veteranan poŝvortaron. Miguel Gutiérrez informis, ke li planas eldoni novan vortaron "Amika" en 2006, sed li klopodos akceli la laboron por laŭeble fruigi tiun eventon.

5.— Pri la baldaŭa renovigo de la estraro, ni konstatas ke ĝis nun neniu mon-

**OSIEK-PREMIO 2004**

En 2003 la Osiek-anoj proponis 27 verkojn premiindajn: ĉiuj estis prezentitaj en la julia numero de *La Gazeto*. La 23an de julio, dum la IEK en Pécs, Hungario, sekreta voĉdonado atribuis la premion al

**Ed Borsboom**



pro

**"Vivo de Andreo Cseh"**

Gratulon!

La premio, 500 €, rekompencas vivantan aŭtoron pro publikigita verko ne fikcia aŭ pro grava traduklaboro

informoj: *La Gazeto*, 55210 Creuë, Francio http://osiek.org

# Membrara bilanco

En la periodo aprilo de 2004 ĝis februaro de 2005, HEF akceptis 11 novajn membrojn. En la sama periodo ĝi perdis 21, el kiuj 4 forpasis, 7 eksiĝis eksplicite kaj 10 estis eksigitaj pro plurjara nekotizado.

Rezulte, la membraro malkreskis je 10 homoj, do la nuna membro-nombro estas 307.

Jen la aniĝoj:

Santiago Sanz Canalejo . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . Sant Quirce del Vallés (B)

Arturo Jiménez Carretero . Ciudad Real

Maximino Gómez Fernández . . . . León

José Rodríguez Benito . . . . . . . Madrid

Alejandro Pareja Rodríguez . . . Madrid

Jesús Castro. . . . . . . . . . . . . . . . Madrid

Jorge Pavón Fernández . . . . El Escorial

Juan Siles Cobo . . . . . . . . . . . . Málaga

Jorge Girod Caballero. . . . . . . Valencia

Joan Saperas Vergara . . . . (ne informis)

Asociación Sevillana de Esperanto. . . .
. . . . . . San Juan de Aznalfarache (SE)

tris emon okupi la postenojn de Prezidanto kaj Sekretario. Alie, por la redaktora tasko ja montris principan interesiĝon du homoj: Jesús de la Heras kaj Manuel Pancorbo.

6.— Ebla Universala Kongreso en Valencio. La valencia instanco pri turismo sendis leteron al la prezidanto de UEA invitante okazigi la UK-n de 2008 en tiu ĉi urbo. La kunsidantoj konsideras, ke indas tion proponi al UEA, kaj komisiis al Augusto Casquero por ekdemarŝi en tiu senco.

7.- Alvenis propono, ke HEF aĉetu projekciilon por komputilo, uzeblan por prelegoj, kursoj, ktp. Tamen ni rezignis, konsiderante ke ĝi uziĝus nur en Madrido kaj ĝia akiro do koncernas pli la lokan grupon.

8.- Modifo de la statuto de Fundación Esperanto. Sekve de la leĝo pri fondaĵoj (Ley 50/2002), endas adapti la statuton de F.E. pri kelkaj punktoj. Ĝia patronaro jam ellaboris malneton kiu, por validiĝi, bezonas ratifon fare de la ĝenerala kunsido de HEF. La Estraro, ekzameninte la tekston, decidis proponi ĝian aprobon al la onta ĝenerala kunsido. Intertempe, ni diskonigos la proponatan tekston per la listo "hef-anaro".

9.- Same kiel pasintjare, oni okazigos en majo eksterordinaran ĝeneralan kunsidon de HEF por aprobi la dokumentojn prezentendajn al la ministerio pri internaj aferoj.

*La Prezidanto: Miguel Ángel Sancho*

*La Sekretario: Manolo Parra*

## Balance de Situación

## Federacion Española de Esperanto

| ACTIVO | EJERCICIO 04 | EJERCICIO 03 |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 63.805,60 | 62.358,84 |
| II. Inmovilizaciones inmateriales | 768,60 | 768,60 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 768,60 | 768,60 |
| 215. APLICACIONES INFORMATICAS | 768,60 | 768,60 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 63.037,00 | 61.590,24 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 221. CONSTRUCCIONES (OFICINA CEN.) | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 8.365,99 | 6.457,30 |
| 225. MOBILIARIO | 2.176,44 | 2.176,44 |
| 226. EQUIPOS PROCESOS DE INFORMACIÓN | 6.189,55 | 4.280,86 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales en curso | 2.272,70 | 2.257,63 |
| 232. BIBLIOTECA | 2.272,70 | 2.257,63 |
| 7. Amortizaciones | -7.702,90 | -7.225,90 |
| 282. AMORT. ACUM. INMO. MATERIAL | -7.702,90 | -7.225,90 |
| D) ACTIVO CIRCULANTE | 14.379,23 | 13.035,70 |
| II. Existencias | 1.565,24 | 1.987,16 |
| 1. Comerciales | 1.565,24 | 1.987,16 |
| 300. MERCADERÍAS (libros para vender) | 1.565,24 | 1.987,16 |
| III. Deudores | 954,04 | 1.057,54 |
| 4. Deudores varios | 954,04 | 1.057,54 |
| 440. DEUDORES | 128,86 | 60,10 |
| 447. PATROCINAD. AFILIADOS Y OTROS | -645,00 | -404,00 |
| 553. C.C. CON SOCIOS Y ADMINISTRADORES | 1.470,18 | 1.401,44 |
| VI. Tesoreria | 11.789,69 | 9.926,38 |
| 570. CAJA (euros) | 811,05 | 643,54 |
| 572. BANCOS E INST. DE CREDIT., C.C. VISTA | 10.978,64 | 9.282,84 |
| VII. Ajustes por periodificación | 70,26 | 64,62 |
| 480. GASTOS ANTICIPADOS | 70,26 | 64,62 |
| TOTAL ACTIVO | 78.184,83 | 75.394,54 |

| PASIVO | EJERCICIO 04 | EJERCICIO 03 |
| --- | --- | --- |
| A) FONDOS PROPIOS | 78.146,83 | 75.337,54 |
| I. Capital suscrito | 75.337,61 | 75.679,28 |
| 101. FONDO SOCIAL | 75.337,61 | 75.679,28 |
| VI. Pérdidas y ganancias (Beneficio o Pérdida) | 2.809,22 | -341,74 |
| 129. PERDIDAS Y GANANCIAS | 2.809,22 | -341,74 |
| E) ACREEDORES A CORTO PLAZO | 38,00 | 57,00 |
| IV. Acreedores comerciales | 38,00 | 57,00 |
| 2. Deudas por compras o prestaciones de servicios | 38,00 | 57,00 |
| 419. ACREEDORES POR OPERAC. EN COMÚN | 38,00 | 57,00 |
| TOTAL PASIVO | 78.184,83 | 75.394,54 |

## Alvoko al

## Eksterordinara Ĝenerala Kunsido de HEF

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas la membraron al la Eksterordinara Ĝenerala Kunsido okazonta en la Centra Oficejo de HEF en Madrido la 15an de majo de 2005 je la 10:00 horo, por pritrakto de jena temo:

1. Prezento kaj eventuala aprobo de la dokumentaro prezentenda al la Ministrejo pri Enlandaj Aferoj (*Ministerio del Interior*).

*La sekretario: Manolo Parra*

✓ Noto 1: Resumon de tiu dokumentaro trovu en apudaj paĝoj. Ĉiu membro deziranta ekzameni ĝin detale, kontaktu la sekretarion.

✓ Noto 2: Ĉi formalaĵo validos eĉ se partoprenos nur kelkaj membroj.

✓ Noto 3: La Ordinara Ĝenerala Kunsido okazos, kiel kutime, en la kadro de la Hispana Kongreso, ĉi-jare en Alcalá de Henares.

## Cuenta de perdidas y ganancias

| DEBE | EJERCICIO 04 | EJERCICIO 03 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 9.450,55 | 11.438,77 |
| A2. Aprovisionamientos | 1.243,92 | 793,03 |
| a) Consumo de mercaderías | 1.243,92 | 793,03 |
| 600. COMPRAS DE MERCADERÍAS (libros) | 822,00 | 255,04 |
| 610. VARIA. EXISTEN. DE MERCADERIAS | 421,92 | 537,99 |
| A4. Dotaciones para amort. de inmovilizado | 477,00 | 121,05 |
| 682. AMORT. DEL INMOV. MATERIAL | 477,00 | 121,05 |
| A6. Otros gastos de explotación | 7.629,63 | 10.524,67 |
| a) Servicios exteriores | 7.267,63 | 10,124,67 |
| 622. REPARACIONES Y CONSERVACION | 8,80 | 0,00 |
| 623. SERVICIOS DE PROF. INDEPEND. | 243,60 | 232,00 |
| 625. PRIMAS DE SEGUROS | 64,62 | 60,49 |
| 626. SERVICIOS BANCARIOS Y SIMILARES | 251,39 | 250,44 |
| 627. BOLETÍN, EXPO, ETC. Y REL. PÚBLICAS | 3.614,86 | 6.238,25 |
| 628. SUMINISTROS | 1.242,30 | 707,72 |
| 629. TELÉFONO, COMUNIDAD, ETC | 1.842,06 | 2.635,77 |
| c) Otros gastos de gestión corriente | 362,00 | 400,00 |
| 655. Perdidas de cuotas incobrables | 362,00 | 400,00 |
| AI. BENEFICIOS DE EXPLOTACIÓN | 0,00 | 0,00 |
| A7. Gastos financieros y gastos asimilados | 0,00 | 0,02 |
| c) Por deudas con terceros y gastos asimilados | 0,00 | 0,02 |
| 6690. GASTOS POR REDONDEO DEL EURO | 0,00 | 0,00 |
| AIII. BENEF. ACTIVID. ORDINARIAS | 2.692,22 | 0,00 |
| A13. Gastos extraordinarios | 100,00 | 0,00 |
| 6780. GASTOS POR INTRODUCCION DEL EURO | 100,00 | 0,00 |
| AIV. RESULT. EXTRAORDINARIOS POSITIVOS | 117,00 | 399,00 |
| AV. BENEFICIOS ANTES DE IMPUESTOS | 2.809,22 | 0,00 |
| AVI. RESULTADOS DEL EJERCICIO (BENEF.) | 2.809,22 | 0,00 |

| HABER | EJERCICIO 04 | EJERCICIO 03 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS (B1 a B13) | 12.259,77 | 11.097,10 |
| B1. Importe neto de la cifra de negocios | 11.807,42 | 9.661,22 |
| a ) Ventas (libros) | 2.370,22 | 1.054,92 |
| 700. VENTAS DE MERCADERIAS (libros) | 2.370,22 | 1.054,92 |
| b) Prestaciones de servicios | 9.437,20 | 8.606,30 |
| 705. PRESTACIONES DE SERVICIOS | 5,70 | 0,00 |
| 720. CUOTAS DE USUARIOS. | 110,80 | 226,50 |
| 721. CUOTAS DE AFILIADOS. | 8.173,30 | 8.229,80 |
| 723. INGRESOS COLABOR./CONGRESOS. | 150,00 | 150,00 |
| 726. DONACIONES DE SOCIOS. | 997,40 | 0,00 |
| B4. Otros ingresos de explotación | 235,35 | 1.036,88 |
| a) Ingresos accesorios y otros de gestión corriente | 235,35 | 1.036,88 |
| 759. INGRESOS POR SERVICIOS DIVERSOS | 235,35 | 1.036,88 |
| BI. PERDIDAS DE EXPLOTACION | 0,00 | 740,65 |
| BII. RESULTADOS FINANCIEROS NEGATIVOS. | 0,02 | 0,02 |
| BIII. PERDIDAS DE LAS ACTIV. ORDINARIAS | 0,00 | 740,67 |
| B12. Ingresos extraordinarios. | 217,00 | 399,00 |
| 778. INGRE. EXTRA. (LIQUID. LIBROSERVO) | 217,00 | 399,00 |
| BV. PERDIDAS ANTES DE IMPUESTOS | 0,00 | 341,67 |
| BVI. RESULTADOS DEL EJERC. (PERDIDAS) | 0,00 | 341,67 |

**Kontonumero de**

**HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**

## Klariga noto pri la kontoj

Jen la plej signifaj kvantoj de la "Bilanco pri Perdoj kaj Gajnoj":

✓ Atentu ke ĉiuj kvantoj estas en eŭroj kaj, la interkrampe, aperas la elcento rilate la tuton.

| | | |
|---|---|---|
| **Enspezoj** | | 12.259,77 |
| Enspezoj pro kotizoj | (66,66) | 8.173,30 |
| Vendo de libroj | (19,33) | 2.370,22 |
| **Elspezoj** | | 9.450,55 |
| Boletín | (28,36) | 2.680,63 |
| Expolingua | (05.60) | 529,90 |
| Kotizo E.E.U | (04,25) | 401,00 |
| Kotizo U.E.A | (03,06) | 289,44 |
| Provizo (Lumo, Inter-reto, Telef.) | (13,14) | 1.242,30 |

Konstateblas ke HEF daŭre dependas de la membrokotizoj, kaj pasintjare la kotizenspezado estis pli malalta ol en 2003, ĉar daŭre falas la nombro de pagantaj membroj.

Kontraŭe 2004 estis eksterordinara jaro rilate la vendadon de libroj, ĉefe pro la disvendado de la Granda Vortaro de De Diego.

| | |
|---|---|
| Kontanta mono je 31.12.2004 (Banko, kaso, UEA) | 13.259,87 |
| Libroj por vendo en la Centra Oficejo (Madrid) | 1.565,24 |

*La Kasisto*

## 13a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo

**De la 1a ĝis la 8a de Oktobro 2005**

**Calella (Barcelono)**

**Adresoj: Luis Serrano Pérez; Apartado 423; 08200-Sabadell**

**Tel. (+34)-93-727-50-21; Fakse: (34)-93-731-10-31 (ne dum aŭgusto)**

**Rete: luis_serrano@mixmail.com** ☉ www.terra.es/personal5/lserrano2003

# Resumo de la jarraporto pri aktivaĵoj 2004

## Aktivaĵoj ĉefe en rilato al la membroj

1.Oficejo

1.1.Administrado de kotizoj kaj servoj.

2.Eldonaĵoj

2.1.Boletín

3.Kongresoj

3.1.Partopreno en la Eŭropunia Esperanto-Kongreso. Bilbao, de la 25a ĝis la 29a de aŭgusto.

## Aktivaĵoj por la publiko ĝenerale

1.Kursoj

1.1.Perkoresponda kurso (kvar novaj kursanoj en 2004).

2.Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj

2.1.Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO. Regula sendado de nia jarraporto pri aktivaĵoj.

2.2.Ana Luisa (Cadena Cope) petas la E-tradukon de kelkaj frazoj por ties radio-programo. (24an de junio).

2.3.Studentoj. HEF kunlaboras regule kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo, aŭ la esperanta movado, por plenumi siajn akademiajn taskojn.

3.Disvastigo

3.1.Prezentado en la "Biblioteca del Alcázar de Toledo" de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto, mga 2003, de F. de Diego kaj prelego pri la organizita hispana esperanto-movado, okaze de ĝia datreveno, far Toño del Barrio. (Januaro)

3.2.Prezentado en "Ateneo de Madrid" de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto, mga 2003, de F. de Diego kaj prelego pri la organizita hispana esperanto-movado, okaze de ĝia datreveno, far Toño del Barrio. Ankaŭ partoprenis Miguel Á. Sancho, prezidanto de HEF. (3an de februaro).

3.3.Prezentado en Burgos, de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto, mga 2003, de F. de Diego kaj prelego pri "Esperanto kaj ĝia deveno" far Rafaela Urueña, profesorino pri Internaciala Juro ĉe la Valadolida Universitato. (2an de aprilo).

3.4.Círculo de Bellas Artes de Madrid. Partopreno en la maratona legado de "La Kiĥoto". (22an de aprilo).

3.5.Prezentado en la Biblioteko de Palencia de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto, mga 2003, de F. de Diego kaj prelego pri "Esperanto kaj ĝia deveno" far Rafaela Urueña. (29an de junio).

3.6."Forum de las culturas". Barcelono, 27an de julio. Informa kolokvo pri esperanto. Partoprenis Martí Guerrero i

Cots (e-instruisto), Salvador Aragay i Galvany (prezidanto de Barcelona Esperanto-Centro) kaj Josep Mª Galofré (vicprezidanto de HEF).

3.7.13a "Maratono de Rakontoj". (Guadalajara, de la 18a ĝis la 20a de junio). HEF partoprenis per rakonto de fabelo, organizado de seminario kaj informbudo.

3.8.Expolingua. De la 26a ĝis la 28a de marto. Sesa partopreno de HEF en ĉi-tiu foiro. Cele al diskonigo de la lingvo, oni realigis jenajn aktivaĵojn: ĝenerala informado, distribuado de pluraj informiloj, ekspoziciado de libroj, revuoj, diskoj, ktp. Toño del Barrio prelegis pri la historio de esperanto kaj la Granda Vortaro Hispana-Esperanto, kaj Pedro Hernández pri la e-gramatiko.



4.Donacoj

4.1. Donacado de pluraj libroj okaze de la prezentado de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto al la bibliotekoj de Palencia kaj Burgos.

4.2. RNE. Programo "Cita con Pilar" (Pilar Socorro). Donacado de ekzemplero de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto.

5.Amaskomunikiloj

5.1.Intervjuoj al pluraj membroj de HEF en amaskomunikiloj .

5.2.Sendado al pluraj ĵurnaloj de artikoloj pri esperanto

6.Internet

HEF disponas akurate aktualigitajn informpaĝojn en interreto pri esperanto, la Federacio, kaj ties aktivaĵoj.

(www.esperanto-es.net)

7.Biblioteko

Ĝi estas libere alirebla de ĉiuj, sed hef-anoj havas prunt-rajton. Ĉi jare alvenis 70 novaj specimenoj.

8.Aliaj aktivaĵoj

8.1.Akademio de Esperanto. Miguel Gutiérrez, membro kaj estrarano de HEF, estas akademiano.

*La sekretario: Manolo Parra*



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.

## Andaluzio

* Kiel unu el la atingoj de la lasta Andaluza Kongreso, naskiĝis nova retejo kun la celo informi pri la movado en ĉiuj provincoj de Andaluzio. Temas pri: esperanto-andalucia.org

* José María Rodríguez kreis apartan ret-paĝaron sub la titolo "Actividad y obra de Francisco Azorín Izquierdo como esperantista", kun la celo diskonigi la laboron de unu el la plej prestiĝaj hispanaj esperantistoj.

es.geocities.com/azorin_esperanto

*M.Z.*

* En decembro (4a ĝis 6a) okazis en Granado la 22a kongreso de ILA (Internacia Laborista Asocio) kio kunigas anarkisindikalismajn organizojn de multaj landoj. Ĉi-foje kunvenis 50 delegitoj el 14 naciaj organizoj alvenitaj el la tuta Eŭropo kaj Latinameriko. Krome ĉeestis cento da observantoj. Kiel en ĉiu internacia kunveno la lingva problemo evidentiĝis kaj, kvankam la oficialaj lingvoj de la kongreso estis kaj la hispana kaj la angla, multaj el ĉeestantoj interesiĝis pri Esperanto kaj venis al budo starigita de la Kontaktejo pri Esperanto de CNT kaj SATeH. Tie ili ricevis flugfoliojn kaj diversan materialon, kaj oni eĉ aĉetis E-librojn. Nu, konstatindas ke en la liberecana medio la ideo pri E-o daŭre vivas.

*David, Patricia kaj Kani*

## Aragono

* De antaŭ iom da tempo loĝas en Zaragozo Fernando de Diego, elstara figuro de Esperanto, aŭtoro de la "Granda vortaro hispana-esperanta" kaj danke al kiu estis esperantigitaj verkoj kiel "La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha" aŭ "La arbo de la sciado" inter multaj aliaj. Li revenis al Hispanio ekde Pollando post la bedaŭrinda morto de lia edzino. La 15an de decembro ni celebris la Zamenhof-feston per poezio kaj aliaj frandaĵoj. Ni havis la honoron ricevi la ĉeeston de Fernando de Diego kaj ni profitis la momenton por iel esprimi nian admiron kaj dankemon.

* Lasttempe estis publikigitaj kelkaj artikoloj kaj leteroj pri Esperanto. Ekzemple, la ĵurnalo "El Periódico de

Aragón" publikigis la 9an de decembro leteron de Lorenzo Noguero pri Esperanto kaj homaj rajtoj (sub la titolo "El esperanto") okaze de la 50a jara datreveno de la Rezolucio de la UNESKO pri Esperanto.

* En la ĉefurbo de Aragono aŭdiĝis Esperanto en grava evento. En Zaragozo, de la 3a gis la 11a de decembro okazis la 9a Festivalo Nacia de Kino de Junaj Reĝisoroj "Urbo Zaragozo". Dum la inaŭguro kaj dum la fermo, oni prononcis la bonvenon en diversaj lingvoj, el inter kiuj unue. en Esperanto (!) eĉ kun perfekta prononco kaj kun mirinde belega voĉo. Tiu surprizo estis iniciato de Beatriz Pitarch, la junulino kiu prezentis kun Luis Roderas la spektaklon (en kiu krome estis premiita la aktorino Aitana Sánchez-Gijón). Povas ŝajni detalo sed mi spertis tion kun granda emocio: Eble unuafoje en la historio de ia kino-festivalo oni komencis per bonvenigo al la publiko en Esperanto. Bone, fakte Esperanto kaj kino estas lingvoj kiuj naskiĝis preskaŭ samtempe (1887 kaj 1895, respektive). Eĉ alvenis al mia retino ebla moto: "Zaragozo kaj kino: jen mirinda kombino".

* Kaj laste (kaj haste) alia rimo. En la frateca tagmanĝo okazinta la 18an de decembro, la Prezidanto de nia societo, prenante pokalon, proponis toston antaŭ ĉokolada deserto: "Por Esperanto kaj per ĉampano, je via sano samideano!"

*Lorenzo Noguero*

# Asturio

* Aperis la 33a numero de Antaŭen, la revueto de la Avilesa Grupo.

# Eŭskio / Vaskio

* Sufiĉe granda eĥo, ĉe la ĝazetaro kaj lokaj radiostacioj, havis en Vitorio la prezentado de la verko de Pío Baroja "Suzana kaj la ĉasistoj de muŝoj" fare de Natxo Apaolaza kaj la tradukisto Joxemari Sarasua. Ekzemple Radio Vitoria intervjuis s-anon Natxo Apaolaza la 8an de decembro.



*J.A. kaj M.Z.*

# Galegio

La ĵurnalo "El correo gallego" de Santiago de Compostela aperigis la sepan de januaro, en sia reta kaj papera versioj, artikolon pri Esperanto bazitan sur telefona intervjuo farita de Mario Iglesias al samideano Antonio Valén.

*M.Z.*

# Kanariaj Insuloj

Jam la sepan jaron, la Universitato de La Laguna proponas al sia studentaro, ĉe la Fakultato pri Filologio (Lingvistiko),

liberelektan seminarion "Enkonduko al Esperanto kaj al ĝia kulturo". La seminario celas instrui ne nur la lingvon, sed ankaŭ la historion kaj kulturon de Esperanto, kaj informi pri aliaj planitaj lingvoj (interlingvistiko). Sume 30 h. La direktoro kaj iniciatinto de la kurso, subtenata de la Fakultato de Filologio, estas s-ro Alejandro López de Vergara Méndez, profesoro pri Filologio en la Universitato. La seminario komenciĝis la unuan de marton, kaj la lernantoj ricevos atestilon post sukcesa libervola ekzameno aŭ mallonga tezo por akiri tri poentojn. Partoprenas kelkaj prelegontoj kiuj pritraktos diversajn E-temojn. Ekde 1999 pli ol 150 gelernantoj sekvis la kurson. Pliaj informoj ĉe:

http://webpages.ull.es/users/aflopez/esperanto/index.htm

*Luno*

# Kantabrio

* En la kadro de la projekto "Donkiĥoto 2005", proponita de HEF, la Prezidanto de KantEA transdonis al la Direktoro de la kultura sekcio de Caja Cantabria, ekzempleron de Don Quijote en Esperanto, la 10an de decembro, cele al ĝia eksponado en grava aranĝo organizita de tiu institucio en Santillana del Mar. La eksponadon vizitis miloj da homoj kaj la regionaj ĵurnaloj parolis pri la esperanta libro en ok okazoj. Ankaŭ pluraj lokaj televidstacioj parolis pri la eldonaĵo en Esperanto. Eĉ TVE en sia regiona kaj nacia "Telediario" (05.01.05) menciis la esperantan version de Donkiĥoto.




La esperanta versio de Donkiĥoto aparte brilis en Santillana del Mar

* La 11an de decembro pluraj membroj ekskursis al Ramales kaj la groto de Covalanas.

* 18 membroj de KantEA festis, la 17an de decembro, la Tagon de la Esperanta Libro (Zamenhof-festo) per kultura kunveno en la sidejo de la asocio kaj posta vespermanĝo en restoracio.

* Reprezentanto de KantEA tre skize prezentis Esperanton al ĉ. 120 personoj. Pli ol Tridek el tiuj homoj aĉetis poste k-diskon kun komputila programo por lerni la lingvon.

*M.Z.*

# Kastilio-Leono

* Kadre de la doktoriga kurso pri Esperanto kaj tradukado, gvidata de Dro Zarandona en la Fakultato pri Traduka-

Iru al la 18a paĝo 

# Invito al partopreno en Don Quijote 2005



Jen pere de ĉi linioj, ni faras ĝeneralan alvokon al ĉiuj Esperantaj Grupoj kaj Asocioj de Hispanio cele al partopreno en la projekto Donkiĥoto 2005, per kiu Hispana Esperanto-Federacio kontribuos al la festado de la kvara centjariĝo de la unua eldono de la verko.

Kadre de la ĝenerala celebrado, ni planas okazigi diversajn aranĝojn pri kiuj vi povos daŭre kaj detale informiĝi pere de la retejo de la Asocio: nova partopreno de HEF en Expolingua, Hispana Kongreso en Alcalá de Henáres, naskiĝurbo de Cervanto, prezentoj al institucioj de la esperanta traduko de la verko kaj de nia projekto ĝenerale, donacado de ekzempleroj de "La ingenia hidalgo Don Quijote de la Mancha", internacia infana konkurso pri desegnoj, "Tia mi vidas Don Quijote", ampleksigo de nia paĝaro, kaj aliaj.

La celo de la projekto koincidas ĉefe kun la statuta difino de nia organizo: disvastigo de Esperanto kaj diskonigo de la hispana kulturo pere de ĝi. Ni opinias ĉi tiun ŝancon vere profitebla, kaj ni esperas altiri la atenton de la publiko por montri la kulturan valoron de nia lingvo. Cetere, en kunlaboro kun Fundación Esperanto, HEF jam prezentis kompletan dosieron de la projekto al koncerna organizaĵo "Comisión para la celebración del IV Centenario", specife kreita de la registaro por festi tiel gravan kulturan eventon, kun la espero ricevi




Don Quijote anka influis la esperantan literaturon. Jen la kovrila bildo de la verko "Verdaj donkiotoj" de Julio Baghi eldonita de la viena eldonejo "Pro Esperanto".

monan kaj institucian apogon al nia agado.

Ĉiuj grupoj —aliĝintaj aŭ ne, enlandaj aŭ eksterlandaj— rajtas partopreni laŭ sia bontrovo kaj kapabloj. Ili estas kore invitataj, kaj ni petas de ili entuziasman kunlaboron.

Jen listo de sugestoj por eventuala agado:

- ✓ Pruntado de ekzempleroj de "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha" por ekspozicioj kaj eventuala donacado de la verko al lokaj aŭ regionaj institucioj.
- ✓ Partopreno en publikaj legadoj de "El Quijote"



donkiĥoto parolas
esperanton

- ✓ Kunlaboro kun la regionaj institucioj kiuj elstarigis komisionon por ĉi celebrado
- ✓ Okazigo de publikaj prelegoj kaj debatoj
- ✓ Donacado al lokaj aŭ regionaj instititucioj de la Granda Vortaro Hispana-Esperanto
- ✓ Regula informado al regionaj aŭ lokaj ĵurnaloj

Kompreneble la grupoj rajtas realigi sian propran programon, kaj elpensi tute aŭtonome ties enhavon. Ni petas nur regulan informadon al la ceteraj grupoj pri la disvolviĝo de ties agado. Ĉiu informo trovos lokon en la reteja fako starigita de HEF pri la

Projekto. La sendotaj raportetoj pri viaj aktivaĵoj estu prefere dulingvaj kun fotoj aŭ grafika materialo.

Engaĝiĝu en ĉi tiu bela projekto. Ni esperas ke nia penado liveros fruktodonan rezulton.

Elkore

*Miguel A. Sancho*
*Prezidanto de HEF*

► daŭrigo de la 15a paĝo

do de Soria, la 11an de februaro prelegis pri "La rolo de Esperanto por la defendo de la lingva diverseco" D-rino Rafaela Uruea, universitata profesorino pri Internacia Juro en la Valadolida Universitato. Tiu prelego kompletigis serion de prezentoj kiuj, en la kadro de tiu doktoriga kurso, faris pluraj membroj de la E-Grupo de Valadolido. La gelernantoj sekvis la prelegon kun granda intereso, farante je la fino multajn demandojn.

*Luis Hernández*

* Aperis la 215a bulteno de la Valadolida grupo Fido kaj Espero.



Kultura programo okaze de la Zamenhof-festo en Casinet




La librovendejo Esperanto (Carreras i Candi 34-36; Barcelono) festas sian 25a datrevenon kaj daŭre proponas al siaj klientoj librojn en Esperanto

# Kastilio-Manĉo

* La radiostacio SER elsendis programon pri Donkiĥoto kun la kunlaboro de gravaj homoj de la hispana kulturo, kiuj legis pecon de la fama verko. Antonio del Barrio, direktoro de Fundación Esperanto, estis intervjuita kaj legis la unuajn liniojn de la unua ĉapitro.

* La organizantoj de la Maratono de Rakontoj (Gvadalahara) montris denove al HEF sian deziron ke la asocio, kiu reprezentas la hispanan E-movadon, ankaŭ ĉi-jare partoprenu la eventon.

*M.Z.*

# Katalunio

* La 12an de decembro 35 gesamideanoj festis la Zamenhof-tagon en Barcelono ĉe BEC. La programo daŭris du horojn kaj duono. Prelegis pri "De la akvo al la tero — Skizo pri la evoluo de la vegetajoj" D-ro Pere Navarro-Rosinés, Prof. pri Biologio en la Universitato de Barcelono. Sekve s-ano Marti Guerrero rakontis pri la vivo de Dro. Zamenhof kaj la agado de diversaj e-istoj. Fine, Luis Serrano prelegis pri "La Eŭropa Unio, la Konstitucio kaj la Laboristoj". Kaj, post bongusta aperiti-




BEC dediĉas 10 % de sia buĝeto por informado al la ĝenerala publiko




Standardo por BEC pretigis María Almagro (maldekstre)

vo, oni vizitis apudan restoracion por daŭre diskuti en amika etooso.

*El LS-raporto.*

* En la ekstraĵo "Culturas" (kulturoj) de la ĵurnalo "La Vanguardia" (05.01.19) aperis treege favora artikolo pri la esperanta ensemblo "KAJ TIEL PLU", kun bonega traktado de la temo Esperanto.

*Darío Rodríguez*

* Fine de la pasinta jaro okazis kurso en Mataró kun 26 lernantoj.

*Patricia*

* Aperis la 49a numero (dua epoko) de la KAE-bulteno kaj la 129a Informilo de BEC.

* KAE daŭre organizas siajn babiladojn en Barcelono, ĉe la Fervojista E-Grupo, kun ĉeesto de 32 gesamideanoj, en Barcelono, Grupo Aŭroro, pri la temo "La justico" (05.02.13) kaj en Castelldefels (05.03.13) kun la temo "La naturaj fenomenoj".



Ekspozicio okaze de la Z-festo

# Madrido

* La vorto Paco en pluraj lingvoj, inkluzive en Esperanto, ornamis stratojn de Madrido dum la pasinta Kristnasko. La ideon priskribis ĝia dezajnisto Manuel Estrada en SER.

*M.Z.*

* Aperis letero pri "Esperanto kaj Donkiĥoto" en sekcio "zona 20" de la senpage distribuata ĵurnalo "20 minutos" (05.02.17).

*Santiago Sanz*

* En januaro okazis la Ĝenerala Kunsido de MEL, en kiu oni elektis novan Estraron. La Prezidanto de la asocio por la periodo 2005-2009 estas Carmen Suárez Fernández-Gil.

* Jam de 1985 , t.e. 20 jarojn, Guadalupe Sanz redaktas la informilon de Madrida E-Liceo, Nia Voĉo. Gratulon!

*M.Z.*

* Ĵus kreiĝis nova retlisto, "esperanto_madride", kies celo estas informipri la kulturaj aktivaĵoj okazontaj en Madrido rilate al esperanto. Prelegoj, prezentoj de novaj libroj, debatrondoj, ktp., kun dezirinda kaj aktiva partopreno de la publiko. Ŝanco unika por praktiki la lingvon, interkonatiĝi kun interesaj homoj kaj resti informita pri ĉio esperanta ĉi-urbe.

Kelkaj aktivaĵoj disvolviĝos en esperanto, kaj aliaj en la hispana kiam la celo estos diskoniga. Se vi estas madridano (aŭ ne, sed vi interesiĝas pri la madrida aktivado) kaj ankoraŭ ne ricevis inviton aliĝi, vi povas mem aliĝi ĉe: http://es.groups.yahoo.com/group/esperanto_madride/

* La 17an de februaro, preskaŭ senaverte, vizitis la CO-on la fama ĵurnalisto Alfredo Amestoy. Dum pli ol duonhoro li pridemandis la sekretarion por ellabori artikolon pri Esperanto en rilato al la Eŭropa Unio. Li montris tre pozitivan sintenon, okulumis la bibliotekon, videble scivolis pri la atingoj de la internacia lingvo kaj —mirige!— li ne demandis kiom da homoj parolas Esperanton. Por la momento oni ne scias kie nek kiam aperos tiu artikolo.

*Manolo Parra*

# Murcio

* Jesús de las Heras disponigas senpage al ĉiu interesito

du lernolibrojn de Esperanto en elektronika formato PDF. Temas pri "Esperanto en 24 páginas", publikigita en 1977 en la revuo Juna Penso, kaj la vaste konata "Método Frásico" de s-ro Francisco Zaragoza. Oni povas ilin akiri ĉe:

www.gazetoteko.com/kursoj/cursos.htm

* Iom post iom Jesús de las Heras aldonas pliajn numerojn de Boletín al la retejo "gazetoteko.com".

*M.Z.*

# Navaro

Informante pri la tradukoj de la eldonaĵoj de Tintín ĝis nun aperintaj, Diario de Navarra (04.12.11) informis pri la traduko en Esperanto.

*M.Z.*

# Ĝenerale

* La 3an kaj la 25an de decembro, en TVE1, okaze de speciala kanzon-programo, oni reliefigis la fakton ke "Aserejé" estas tradukita en Esperanton.

* Aperis tre pozitiva artikolo en la kultura kajero de La Vanguardia

(04.01.19) pri la E-grupo "Kaj Tiel Plu" kaj Esperanto.

* La komputika ekstraĵo de la ĵurnalo "El País", "CiberPaís" (05.01.14), mencias la retejon de Hispana Esperanto Federacio en sekcio "El buscador" (la serĉanto), en artikolo titolita "Año nuevo, idioma nuevo" (Nova lingvo por nova jaro).

*Manuel Pancorbo*

* Mencio pri esperantista enmigristo nomata Mayrím (?) en Logroño, aperis en la ĵurnalo "La Rioja" (05.01.15). Ankaŭ en tiu ĵurnalo (04.12.07) aperis mencio pri tio ke, en Interreto, oni povas trovi la versojn de la verko de Tolkien, "La mastro de la ringoj", en Esperanto.

* Sur la ĉefa paĝo de la semajna ret-gazeto "lasemana.es" aperis recenzo pri la libro de Manuel Vinyals y Joaquín Marcoval "Con el esperanto en la mochila".

*M.Z.*

* Jorge Camacho estis intervjuata en la programo "jovenes.com", de Radio 5 (RNE), kune kun pluraj aliaj junaj hispanlingvaj verkistoj.

*Manuel Pancorbo*

* Aperis meze de januaro en reta ĵurnalo "Diario Siglo XXI", bela kaj tre pozitiva artikolo titolita "En esperanto" fare de Nieves Fernández, kiu lerte kunvinas la intenacian lingvon kaj la majstran verkon de Cervantes: El inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha.

* Manolo Pancorbo parolis denove en programo de Pilar Socorro, Radio 3 (RNE) (04.12.11).

*A. del Barrio*

* La 26an de novembro Radio Polonia intervjuis s-ron Joxemari Sarasua pri lia traduko de kelkaj noveloj de Pio Baroja, aperigitaj en la volumo "Suzana kaj la ĉasistoj de muŝoj". Kaj, aldone, oni faris lego-prezenton de unu el la noveloj: "La ombro".

*R.P.*

* En "Blade Trinity", filmo ĵus prezentita en Hispanio, auxdiĝas konversacio en Esperanto, videblas pluraj ŝildoj en la zamenhofa lingvo, kaj aŭdiĝas la esperantlingva voĉo de William Shatner en fona montro de la filmo "Incubus".

La direktoro, David Goyer, klarigas en intervjuo: "Ni decidis ke multaj urboj estas esence dulingvaj, kaj ke ĉi tiu nova urbo havu du lingvojn parolatajn. La dua lingvo en nia nova urbo estas Esperanto. Rigardu zorge —la plejparto de la reklamoj kaj signoj estas en la angla kaj en Esperanto— kaj eĉ estas sceno en kiu du aktoroj parolas ĝin kun subtitoloj".

*AdB*

* En la tutlanda ĵurnalo "El País", 8a paĝo (05.02.18), aperis reklamo de partio "Cultura Natural", pledanta por blanka voĉdono en la referendumo. Ĝi aperis dulingve laŭ paralelaj kolonoj, en Esperanto kaj hispana lingvoj, kaj probable temas pri la unua fojo en kiu legeblas E-teksto en tiu ĵurnalo, eĉ kun supersignoj.






Jam antaŭ unu jaro vizitis la HEF-ejon Jesús Castro, nome de partio "Cultura Natural", kun peto pri reviziado de E-teksto. La helpo estis kompensita per donaco al HEF de 50 eŭroj. Ĉi-jare denove okazis simila helpo, kaj Jesús Castro dankis per membriĝo en HEF laŭ la kategorio Patrona Membro, t.e. duobla kotizo ol la ordinara.

"Cultura Natural" estas eta partio kiu jam plurfoje (almenaŭ trifoje) prezentis kandidataron al la Senato en hispanaj ĝeneralaj balotoj.

*M.P. k. M.G.*

* Jorge Camacho prezentis siajn poemarojn "Celakantoj" kaj "Saturno" en la Malferma Tago organizita en la Centra Oficejo de UEA pasintan novembron. Partoprenis la aranĝon ĉ. 150 esperantistoj el 18 landoj.

*M.Z.*

* Manuel Pancorbo parolis denove en la nokta programo de Pilar Socorro en RNE (Hispana Nacia Radio) (05.02.27). Ĉi-okaze temis pri kvinminuta telefona intervjuo, kiel sekvo de dissendita ĵurnalkomuniko pri la internacia tago de la gepatra lingvo (21a de februaro). Cetere, la parolistino diris ke Pancorbo estos revokita por partopreni la 23an de aprilo en speciala programero pri la verko "Donkiĥoto". Manuel Pancorbo estas la HEF-responsulo pri rilatoj kun la amaskomunikiloj.

*Manolo Parra*

# Publika prezentado

La publika prezentado de la projekto kiun Hispana Esperanto-Federacio, kunlabore kun Fundación Esperanto, disvolvos dum tiu ĉi jaro por celebri la kvarcentajan datrevenon de la unua publikigo de la verko "Don Quijote de la Mancha" okazis pasintan 24an de februaro en la asocio Sociedad Cervantina de Madrid. La loko estas kulture tre grava, ĉar tie troviĝis la presejo de Juan de la Cuesta, presisto de la verko, kaj ĝi havas la titolon de Monumento kun Nacia Kultura Intereso.





Unue salutis la ĉeestantaron la ĝenerala sekretario de la Cervanta Societo, José Antonio Vizcaíno, kiu krome memoris pri antaŭa agado de la esperantista movado en 1989, dum kiu oni donacis al la societo ekzempleron de la esperanta traduko de Fernando de Diego, kiu de tiam troviĝas en la konstanta ekspozicio de la sidejo.

Poste Miguel Ángel Sancho, prezidanto de HEF, prezentis nian movadon, ĝiajn celojn kaj la agadojn kiujn ĝi organizas, kaj enkondukis la ĉijaran projekton. Tiun ĉi prezentis kun pli da detalo José Antonio del Barrio, direktoro de Fundación Esperanto, kaj unu el la kunordigantoj de la kunmemoro. Fine, estis prezentita la nova retpaĝaro pretigita de HEF por tiu ĉi okazo, kiu estas jam vizitebla en la adreso http://www.esperanto-es.net.

La prezentadon ĉeestis la konata ĵurnalisto Alfredo Amestoy, kiu dum antaŭaj tagoj estis enketinta pri nia lingvo cele al artikolo en ĵurnalo "El Mundo". Vidu, la fotadon de nia prezidanto ĉe ekspoziciejo de Sociedad Cervantina, kun la antaŭe donacita ekzemplero de la verko Donkiĥoto ĉemane.

*Antonio del Barrio*




# Kunsido de Patronoj

La 26an de januaro de 2004 okazis en Zaragozo kunsido de la patronoj de "Fondaĵo Esperanto". La aferoj pritraktitaj estis jenaj:

## Agad-plano de 2004

Oni aprobis la subvenciojn al grupoj kiuj pretigis E-kursojn en universitatoj. Oni decidis pagi la monkvanton de **900 eŭroj** al la grupoj (tio estas, po 300 eŭroj al ĉiu grupo) organizintaj kursojn en:

- ✓ Aŭtonoma Universitato de Barcelono.
- ✓ Universitato de Eŭska Lando.
- ✓ Universitato de la Laguna.

## Subvencioj por 2005

Oni planis pagi **1.000 eŭrojn** por helpo al du aktivaĵoj en Hispanio:

- ✓ Organizo de E-kursoj en universitato.
- ✓ Eldonado de libroj en esperanto.

Oni devos peti la koncernan helpon antaŭ la 30 de novembro de 2005.

## Nova Statuto

La Protektorato ("Protectorado") de la Fondaĵo, ĉi-kaze la Aŭtonoma Registaro de Aragono, al kiu ni prezentis la modelon proponitan de nova Statuto, informis ke ĝi estas konforma al la leĝoj. Do, ĉi tiu Statuto estos prezentata por ratio al la venonta jara Asembleo de HEF.

## 4a Jarcenta Datreveno de "Quijote"

Oni aprobas la iniciatojn kaj agadon de la Direktoro de la Fondaĵo rilate al partoprenado en la diversaj okazaĵoj pri ĉi tiu evento, utiligante la esperantan tradukon farita de F. de Diego.

*La patronaro*

Jen la ...**respondo!**

**Kontribuu pere de:**

Iber-Caja

**2085-0101-13-0128624762**

La Caixa

**2100-2149-31-0100165085**

# Nova statuto de Fundación Esperanto

Ekzistas nova ŝtata leĝo rilate al fondaĵoj. Nome, la Ley 50/2002, de 26 de decembro (BOE 27.dec.). En ĝi oni indikas, ke la ekzistantaj fondaĵoj devas adapti, se necesas, ties statutojn konforme al la nova leĝo antaŭ la fino de 2004.

FE ("Fundación Esperanto") skribis al sia Protektorato (nome: la Aragona Registaro) petante informon ĉu la Statuto de 1998 estas konforma al la nova leĝo. Oni respondis, ke kelkaj artikoloj estas modifendaj.

Tial, ni devis fari novan tekston kaj oni pensis profiti ĉi tiun okazon por fari aliajn ŝanĝojn kiuj estus konvenaj.

FE komunikis la novan Statuton (indikante ke HEF devas ratifi ĝin) al Protektorato kaj ĉi tiu respondis, ke ĝi estas laŭleĝa kaj ke oni devos protokoligi ĝin per publika dokumento antaŭ notario.

En la nova Statuto ekzistas diversaj modifoj rilate al la antaŭa. Inter ili, menciindas:

- Adreso: La sidejo troviĝas nun en la strato de la Cadena, 20, en Zaragozo, same kie la aragona grupo de Esperanto "Frateco".

- Nombro da patronoj: Inter tri kaj kvin (antaŭe: inter kvin kaj sep), el kiuj du estos nomumitaj de HEF (antaŭe: tri).

- Daŭro de la postenoj de patronoj: kvar jaroj kaj eblas reelekto (antaŭe: tiuj nomumitaj de HEF: laŭ la daŭro de la Estraro kiu elektis ilin; la aliaj: du jaroj post la antaŭaj).

- Prezidanto: Li estas elektota de la Patronaro el inter siaj membroj (antaŭe: tiu de HEF).

- Estingiĝo de FE: Tiukaze, la restanta patrimonio estos atribuata al fondaĵo aŭ organizo kun similaj celoj al tiuj de HEF (antaŭe: nepre al HEF).

La praktiko montris, ke ne estas konvena la devigo pri la regulo ke la Prezidanto de FE devus esti nepre la Prezidanto de HEF. Oni devas subskribi dokumentojn kaj prezenti konto-etatojn al oficialaj instancoj krom kunsidoj. Ĝis nun, oni utiligis la figuron de delegito-reprezentanto de la Prezidanto. Sed laŭ la informo de la Protektorato, tio ne plu estas laŭleĝa.

Oni memorigas, ke la artikolo pri teritoria agadsfero parolas prefere pri aragona teritorio. Tio estas nur formalaĵo por ke la Registrejo kaj la Protektorato trovi-

ĝu en Zaragozo. Kompreneble, la agado de FE ampleksas nediskriminacie al la tuta areo de HEF (sed se oni mencius ĉi tion ekxplicite, la burokratajn aferojn oni devus fari kaj registri en Madrido).

La Statuton oni definitive aprobos post la ratifado de la Asembleo de HEF dum proksima ĉijara Kongreso, en julio.

La malneto de la nova Statuto estas je la dispono de ĉiu ajn membro de HEF, laŭpete al la oficejo de la Federacio aŭ al la sidejo de la Fondaĵo.

*Antonio del Barrio*

## Seminario pri Boletín

Kiel anoncite, la Estraro de HEF organizos seminarion pri kompostado de bultenoj kaj revuoj. Ĝia celo estas informi kaj, eventuale, prepari la novan redaktiston de Boletín, tamen aliaj interesitoj rajtas aliĝi.

La seminario estos esence praktika, kaj ĝi okazos dum semajnfino en la HEF-sidejo en Madrido.

Ĉiu interesito kontaktu kiel eble plej frue la CO-n aŭ la redaktiston de Boletín jen telefone jen pere de la retadreso: bulteno@esperanto-es.net.

Atentu ke la nombro de partoprenantoj devos esti nepre tre limigita.




* Aperis "Rebela sono" dua disko de la finna grupo Dolchamar.

*Vinilkosmo*

* Fine de 2004, Korea Fremdlingva Universitato oficiale akceptis Esperanton kiel lerno-objekton de nova semestro, kiu estos instruota de marto de 2005. Ĉi decido signas jam la trian sukceson en Koreio kadre de universitata kampo, sinsekve Univ. Dankook kaj Wonkwang. Gratulmesaĝoj bonvenindas. ĉe la retadreso de Prof. LEE Young-koo; ykli@hufs.ac.kr

*LEE Jung-kee*

* En decembro de 2004, okazis en Eŭropa Parlamento (Bruselo) konferenco pri laikeco kaj religio en Eŭropa Unio, tradukata en 5 lingvojn, interalie en Esperanton. Ĝin oni povis sekvi ankaŭ pere de Interreto, en la lingvoj: franca, angla, itala, hispana kaj Esperanto.

*ILEI*

* Okaze de la 5a Monda Socia Forumo okazinta en Porto Alegre (Brazilo), la loka E-movado denove kaptis la okazon por disvastigi E-on en tiu ega evento en kiu partoprenis 155 mil homoj venintaj el ch. 60 landoj.

*NUN*

## Jarabonoj kaj kotizoj por 2005

**Boletín** de HEF (eksterlandaj abonantoj, enlandaj vidu sur la 32a paĝo). . . . . 30 €
RET-INFO (12 monatoj) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 19 €
✓ [P] HEF.

**Universala Esperanto-Asocio**
Individua Membro kun Gvidlibro MG . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 9 €
Individua Membro kun Jarlibro MJ (-T) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 22 €
Individua Membro plus abono al E-o MA (-T) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 55 €
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA). . . . . . . . . . . . . . . . . . . 35 €
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 21 €
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . 110 €
✓ Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto. [P] Pedro A. Garrote; Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid; Banco Español de Credito (BANESTO), Konto: 0030 6002 74 0000901271.

**La Gazeto** (ses numeroj) (nur por la unua jaro 20 €). . . . . . . . . . . . . . . . . 27 €
[P] Barcelona E-Centro; Bassegoda 40, 3ª, 1º; 08028 Barcelono.
**Heroldo de Esperanto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 32 €
**Femina** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 20 €
**Literatura Foiro**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 30 €
**Internaciisto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15 €
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 27 €
**La migranto** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 10 €
[P]: Luis Serrano; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 7275021; Banco Sabadell n-ro: 0081 0900 82 0006712480. (Por bank-ĉeko aldonu 1,5 EUR)
**Sennaciulo** (kotizo al SAT + abono + Sennacieca Revuo) . . . . . . . . . . . . . 36 €
[P]: Pedro Sanz; pmariass1@auna.com; Uno-e de BBVA, Konto: 0227 0001 85 0200526929.
**SATeH** (kotizo) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6 €
[P]: Pedro Sanz; pmariass1@auna.com; Caja Madrid, Konto: 2038 1787 43 6000182731.
**Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . ? €
[P]: Jesús de las Heras, Apartado 4461; 30080 Murcia. Banko-konto: La Caixa, 2100 4455 71 0200022454.
**KAE-Informilo**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8 €
[P] Santiago Torné; Roca 22, 3-er, 1-a; 08208 Sabadell; Caixa 21000461960200045498.

# Aniĝilo por 2005

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : .......................... Annumero: ...........
Adreso : ...............................................
Poŝtkodo kaj urbo : ..................... Tel. : ......................
Naskiĝdato : ...................... Retadreso: ......................

**Aniĝo :**

- ❑ OM ordinara membro ................................ 30,00 €
- ❑ kun junulkarto ................................ 27,00 €
- ❑ PM patrona membro ................................ 60,00 €
- ❑ KM kolektiva membro ................................ 60,00 €
- ❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) ......................... 25,00 €

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*. Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizitaj de Hispana Esperanto-Federacio.

**Pagmaniero :**

- ❑ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
- ❑ Enspezo en konton 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
- ❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).
- ❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

## DOMICILIACIÓN BANCARIA

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: ____/____/__/__________
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:
Nombre y firma del titular:




## 64a Hispana Esperanto-Kongreso

# Jen kelkaj hoteloj

Jen listo de 14 Hoteloj. Ĉiuj situas en Alcalá de Henares (AdH).

Por helpi vin en via elekto, ni mencias interkrampe la distancon en metroj de la koncerna hotelo ĝis la kongresejo, ekz. (300 m).

Aranĝu vian restadon kiel eble plej frue, kaj evitu ajnan lasthoran problemon.

*Darío Rodríguez*

Hotel AC Alcalá H****; Octavio Paz s/n; 28805 AdH; Tel. 918 023 970; Faks. 918 023 971; (1800 m).

Hotel Husa El Bedel H***; Plaza San Diego, 6; 28801 AdH; Tel. 918 893 700; Faks. 918 893 716; (250 m).

Hotel Green Partner Cisneros H***; Paseo Pastrana, 32; 28803 AdH; Tel. 918 882 511; Faks. 918 831 995; (600 m).

Hotel NH Express Alcalá de Henares H***; Antonio Suárez, 8; 28002 AdH; Tel. 918 796 181; Faks. 918 831 666; (3000 m).

Hotel Ciudad de Alcalá H***; Cánovas del Castillo, 4; 28807 AdH; Tel. 918 824 745; Faks. 918 828 167; (500 m).

Hotel Ibis Alcalá de Henares H**; Centro Comercial La Dehesa; 28805 AdH; Tel. 918 796 850; Faks. 918 820 611; (3000 m).

Hostal Bari HS***; Vía Complutense, 112; 28805 AdH; Tel. 918 881 450; Faks. 918 833 836; (1200 m).

Hostal Don Juan I HS**; Don Juan I, 9; 28807 AdH; Tel. 918 833 484; Faks. 918 827 063; (500 m).

Hostal Miguel de Cervantes HS**; Imagen, 12; 28801 AdH; Tel. 918 831 277; Faks. 918 830 502; (300 m).

Hostal El Torero HSR**; Puerta de Madrid, 18; 28802 AdH; Tel. 918 890 373; (600 m).

Hostal Cuatro caños HS**; Divino Figueroa nº 10; 28801 AdH; Tel. 918 813 844; (500 m).

Hostal El Val HS**; Zaragoza 4-6; 28804 AdH; Tel. 918 835 958; (1000 m).

Hostal Jacinto HSR*; Paseo de la Estación, 2 - 1ª planta; 28807 AdH; Tel. 918 891 432; (500 m).

Aparthotel Sol Ficus; Don Juan I, 8-10-12; 28804 AdH; Tel. 918 771 810; (500 m).

Atentu ke la ĻKK ne respondecas pri la rezervo de hoteloj!



## 64a Hispana Esperanto-Kongreso

# Provizora programo

### Prelegoj

**Amelia Fernández**: La imagita Kiĥoto. ĉefaj linioj de ĝia beletra rekreado en la 20a jarcento. (Hispane. Malferma al la ĝenerala publiko).

La allogo de la kiĥotaj roluloj estis konstante sentata ekde la publikigo de la verko. Ni vidos kiel pluraj landaj kaj eksterlandaj aŭtoroj imagis la verkon dum la 20a jarcento kaj ĉefe kiel, akceptante la cervantesan inviton, ili aliigis la rolulojn en realajn estaĵojn.

**Jorge Camacho**: Influo de Fernando de Diego en la originala E-beletro. (Esperante. Kadre de la planita omaĝo al Fernando de Diego).

Fernando de Diego estas konata kiel la plej bona tradukisto de beletro el la i.a. hispana lingvo al esperanto, kaj ĉiuj postaj tradukemuloj devas vole-nevole sekvi liajn paŝojn — aŭ fiaski. Sed ne malpli grava pruviĝas lia influo ankaŭ en la originala beletro, en la lingvaĵo kaj stilo de almenaŭ, sed ne nur, la verkistoj de la ibera grupo.

**David Galadí**: Sancho Panza legas la horon en la ĉielo: pri-astronomiaj komentoj al la 20a ĉapitro de la unua parto de "Don Quijote". (Esperante).

**Manuel Pancorbo**: 1905: la revolucio de Einstein en Fiziko. (Esperante).

**Darío Rodríguez**: Naskiĝo de lingvo: de Bialistoko al Bulonjo. (Esperante).

La preleganto analizos la sufokan etoson kiu regis en Bialistoko, la naskiĝurbo de Zamenhof, kaj kiel ĝi inspiris al nia juna idealista heroo la ideon krei internacian lingvon por solvi la problemon de nekomunikado en plurlingvaj socioj. Poste oni esploros la malfacilajn unuajn paŝojn de Esperanto ĝis la okazigo de la triumfa Unua Kongreso en Bulonjo, antaŭ 100 jaroj.

### Prezentoj

Miguel Ángel Sancho: Projekto Kiĥoto-2005. (Esperante).

La preleganto prezentos la ĉefajn celojn de la projekto kaj la proponitajn aktivaĵojn de HEF en kunlaboro kun Fundación Esperanto por ilin atingi.

**Pedro Vilarroig**: Kosmologia Suito. (Programero malferma al la ĝenerala publiko).

Muzikpeco akompanata de elkomputilaj bildoj. Kvankam ĉi aŭdovida komponaĵo estis unue elpensita el muzika vidpunkto, la aŭtoro klopodis aldoni, kiam oportune, spektindan bildon pri tio, kion la muziko priskribas.

**José Rodríguez**: Donkiĥoto kaj la malkomunikiga sorĉo. (Hispane. Programero malferma al la ĝenerala publiko).

## Aktivaĵoj

**Jorge Camacho**: Saturno kaj Celakantoj: du poemaroj.

En septembro 2004 aperis samtempe, kiel dunaskitoj, du poemaroj de Jorge Camacho. Ambaŭ kune enhavas ĉiujn liajn poemojn de 1989 ĝis la nuntempo, tamen prezentas malsamajn poemojn. La diferenco troviĝas en tio, ke "Celakantoj" (nomo de fiŝo malfosilia) enhavas poemojn verkitajn nur en esperanto, kaj estas do unulingva libro. Kontraste, "Saturno" enhavas ĉefe lian dulingvan poemadon paralele en la hispana kaj esperanto ekde la jaro 1995 (kun kelkaj unuopaj tradukoj).

## Distraj programeroj

**David Galadí**: Stelrigardada astronomia nokto.

Praktika sesio pri la "sanĉopanza" metodo legi la horon en la ĉielo. Aldone, ni konos la someran ĉielon kaj ni rigardos ĝin nudokule, per prismo-lornoj kaj astronomia teleskopo.

**Muzeo-domo de Cervantes**: Vizito kaj donacado de ekzemplero de "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha".

**Turisma konatiĝo** kun Alcalá de Henares.

**Toño del Barrio**: Surpriza programero. Nur venu kaj vidu!

## Ekspozicioj

**Tia mi vidas Donkiĥoton**: Pri la kontribuoj ricevitaj por la infana desegno-konkurso. (Malferma al la ĝenerala publiko).

**Litera-turo**: Citoj de esperanto en la hispanlingva literaturo. (Malferma al la ĝenerala publiko).

**Libro-servo**: la esperanta kulturo je la dispono de la kongresanaro en akireblaj libroj, diskoj, ktp.

## Kursoj, atelieroj, kunsidoj

**Miguel Gutiérrez Adúriz**: Traduk-ateliero.

**Kurso**: Enkonduko en esperanton.

**Kunsidoj**: Estrarkunsido; Ĝenerala Kunsido de HEF-anoj; Kunsidoj de aliaj grupoj.

*KK*




# 64a Hispana Esperanto-Kongreso

Alcalá de Henares (Madrid)

7a ĝis 10a de julio 2005

Servicio Municipal de Archivo y Biblioteca
Plaza San Julián nº 1

ALIĜILO N-RO......
(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..............................................
Antaŭnomo: ..............................................
Naskiĝdato (1) ........................ HEF-numero ............
Adreso. ..............................................
.......................................... Poŝtkodo ............
Urbo. ........................................ Telefono ............
Retadreso .................................... Faksilo ............
(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 05-05-31 | poste |
|---|---|---|
| Membro de HEF | 30 € | 39 € |
| NE membro de HEF | 36 € | 45 € |
| Juna membro de HEF | 21 € | 27 € |
| Juna NE membro de HEF | 27 € | 33 € |
| Donaco | | ____ |
| ENTUTE: | | ____ |

Kotizu pere de UEA, konto "hefb-m", aŭ pere de ajna oficejo de BBVA, al Federación Española de Esperanto konto-numero: 0182-1252-33-0201517592.

Kunsendu la pagpruvilon kune kun ĉi aliĝilon al la suba adreso.

**Oni ne akceptos pagojn per bankĉeko aŭ poŝtmandato**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..............................................

Konstanta adreso: Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7; ES-28015 Madrid;
Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79; Rete: admin@esperanto-es.net

# Desegno-konkurso




Multaj kulturaj aktivaĵoj okazos en Hispanio por festi la 4an centjariĝon de la unua eldono de la verko de Miguel de Cervantes Donkiĥoto. La kontribuo de Hispana Esperanto-Federacio estos la projekto "Kihoto-2005". Unu el la punktoj de tiu projekto celas la infanojn de la tuta mondo. Temas pri desegnokonkurso. Kaj la temo, kompreneble, Donkiĥoto.

Ĉu vi konas la faman kavaliron? Ĉu vi opinias lin heroo, fola revulo, simpatia frenezulo...? Ĉu vi estas infano kaj ŝatas desegni? Jen do via ŝanco.

- ✓ Temo: Tia mi vidas Donkiĥoton.
- ✓ Aĝo: ĝis 16 jaroj.
- ✓ Tekniko: Libera
- ✓ Formato: DIN-A4
- ✓ Limdato: ĝis la 30a de junio

Noto: La desegnon akompanu kelklinia komento en esperanto kun via opinio pri Donkiĥoto.

Adreso: Hispana Esperanto-Federacio.

Rodríguez San Pedro 13, 3° - 7.

ES-28015 Madrid.

Tel: 34.1.446.80.79

admin@esperanto-es.net

Ĉiu infano ricevos dankleteron kaj surprizan donaceton. Cetere, HEF antaŭvidas ke, se estas sufiĉe da indaj reagoj, eblos:

Muntado de ekspozicio okaze de la HEF-kongreso, kies ĉefa temo estos Donkiĥoto. Publikigo de la desegnoj en la HEF-retejo. Edonado de libro kun la desegnoj kaj la dulingvaj prikomentoj de la infanoj. Se fine la libro eldoniĝos, ĉiu partopreninto ricevos ekzempleron.

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora